„Mutig vorwärts!“ **Aŭstria Esperantisto** „Kuraĝe antaŭen!“

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

**Oficiala organo de Int. Esperanto-Muzeo kaj Aŭstria Esperanto-Asocio**

Jarabono (komencebla ĉiumonate) por Aŭstrio S 4.60, pagebla ankaŭ en partpagoj (1/2 j. S 2.35, 1/4 j. S 1.20), aliaj landoj sv. fr. 3.75; **ponumere 45 g** (1 resp. kup.).

Aperas la 5. de ĉiu monato. **Redakcio kaj administracio:** Wien I. Neue Burg (Tel. R27-803). Manuskriptojn ni nur resendas kun reafranko. Poŝtŝparkaso-konto D-123.826

Ne ĝustatempa malmendo de nia gazeto devigas al plupago de la jarkotizo por la sekvonta jaro.

N-ro 1 (116 en la vico). Wien, la 5. de januaro 1935. 12. jaro

**Enkonduko al la 12. aperjaro!**

En la lasta numero de la pasinta jaro ni informis nian legantaron, ke la gazeto de nun aperos en la amplekso de 12 paĝoj.

Gravaj kaŭzoj devigis nin, eldoni nian gazeton en pli granda formato kaj okpaĝa, kio egalas 16 paĝojn de la iama formato, sen plialtigi la prezon.

Unuavice ni devis atenti, ke pro la Antaŭkongresoj por la 27. Universala Kongreso en Roma 1935, nome en Klagenfurt kaj Innsbruck, kaj la 28. Universala Kongreso en Wien kaj Aŭstrio, pli grandformata gazeto, kiu kiel „Kongresgazeto“ estas prezentota al nia registaro, multaj institucioj kaj altrangaj personoj, estas necesa.

Volonte ni pliriĉigos la enhavon kaj petas, ke ĉiu el niaj legantoj kunhelpu, kunlaboru per konsiloj kaj alsendo de materialo. Reciproka komprenο, reciproka kunhelpo, konkordo kun la sola emo, servi al Esperanto . . . nin gvidu . . . la gazeton kaj ties legantaron! Kaj ĉiu aŭstria esperantisto estu leganto de nia AE, ĉar ĉiu devas havi intereson por nia 28. en Aŭstrio kaj ties bona sukceso!

Ni nov-enkondukis jenajn regulajn angulojn: „De aŭstriaj verkistoj“, „Redakciaj respondoj“, „Por la junuloj“, „Tradukekzerco“ (kun premioj), „Enigmoj“, „Humoro“, „Korespondado“.

Ni esperas, ke ankaŭ la germana parto de nia AE „Die zweite Sprache für Alle“ plaĉos al vi kaj estos disvastigata pere de vi ĉe ĉiuj viaj konatoj, por tiel klarige diskonigi: kio Esperanto estas, kiun gravecon E jam posedas kaj kiun avantaĝon ĉiu povos havi de E.

Ni dankas al ĉiuj niaj fidelaj abonantoj (multaj el ili jam de komenco restis fidelaj) pro la ĝisnuna subteno kaj petas tiun ankaŭ por la estonto.

La redakcio

## La popolo de Esperantujo.

Ne ĉio, kio dividas — detruas aŭ malorganizas. Sur la divido kaj elekto sin bazas la progreso en la naturo kaj en la homaro.

Ke Esperanto estas „lingvo vivanta“ jam dubas neniu. Sed ke ĝi estas lingvo „suverena“, povanta vivi per siaj propraj fortoj — multaj samideanoj ankoraŭ dubas, aŭ ne permesas al si kredi. Por ili Esperanto ĉiam restas speco de iu helpa lingvo, kvazaŭ iu vivanta kodo, kiu povas vivi nur, kiel vivas hedero, ĉirkaŭvolvante sin al arbaj trunkoj. Tiel Esperanto, laŭ ilia opinio, same povas vivi, ĉerpante sian forton kaj modelojn el lingvoj naciaj.

Tio estas vera, sed ĝis certa grado. Esperanto iam bezonis subtenan stangeton kaj tiun pruntis al ĝi lingvoj naciaj. Nun ĝi povas jam kreski sen tiu pruntita helpo.

La diverseco de opinioj en la menciita afero povas esti klarigata per diverseco de la bona posedo de nia lingvo.

Ekzistas, nome unu speco de samideanoj, kies scio de nia lingvo estas nur bona teoria scio, ĉerpita el la libroj kaj kabineta studado. Tiuj samideanoj eĉ scias pensi en Esperanto, sed ilia pensmaniero estas respeguligo de la pensado de ilia gepatra lingvo. Tial ĉiuj karakteraj naciaĵoj de tiu lasta ankaŭ renaskiĝas en ilia Esperanto, en pli aŭ malpli bona traduko. Tiuj samideanoj, verkante ion, skribas Esperanton gramatike bone, sed ilia stilo kaj pezeco, nenatureco de iliaj frazoj tuj montras, ke ilia Esperanto vere estas nur helpa lingvo, helpa kodo. Ili atingas maksimumon de utilo, se la alilingvanoj komprenis tion, kion ili volis komprenigi. Sed tio ja ne estas lingvo. Tio estas tiu angla lingvo, kiun la britoj nomas „fremdlanda angla lingvo“.

Ekzistas ankaŭ alia speco de samideanoj, nombre multe pli malgranda ol la unua. Tiuj estas samideanoj, kiuj, aŭ pro sia lingva kapableco, aŭ pro tio, ke ili longe vivis en alilando kaj uzis tie Esperanton, aŭ multe vojaĝis, do el diversaj fontoj sciis ĉerpi tiun vere internacian spiriton de nia lingvo, kiu estas nek slava, nek latinida, nek ĝermanida spirito. Ĝian esencon faras gramatike kaj stile logika frazo, konstruita laŭ la principoj de eŭfonio kaj agrabla kompreneblеco, aŭ pli science dirite: konstruita laŭ la principoj de la estetiko. Se ni dezirus, ni povus per indiko de la nomoj montri, ke tiuj samideanoj loĝas ne nur en la limoj de iu aparta gento aŭ lando, sed ke ili estas troveblaj en ĉiuj partoj de la mondo kaj eĉ inter la adeptoj de la plej ekzotikaj lingvoj.

Por ili Esperanto estas lingvo suverena, kaj helpa nur en la senco de la ĝenerala helpilo por proksimigi la popolojn.

Ni nur devas ĝoji, ke aperis tiu nobliga dividiĝo meze de la popolo de Esperantujo. Ĝi ja estas nek klasa, nek genta, nek religia, ĝi estas kvazaŭ embrio, prototipo por la divido kaj elekto de la individuoj en la estonta tutplaneda homa ŝtato.

Se ni volas venki, ni ne devas ignori ankaŭ pri la divido de la roloj kaj devoj interne de nia movado. Ĉie, kie la utilo de Esperanto postulas modelon, ekzemplan uzon aŭ aplikon de la lingvo — ĉie ni, laŭ ebleco, starigu tiujn samideanojn el la dua speco. Konata afero estas, ke tre multaj esperantistoj estas iom van-

…emaj kaj ne volonte cedas sian lokon, eĉ se ili vidas, ke la alia pli taŭgas por ĝi. Ni esperu tamen, ke ankaŭ en tiu rilato la natura nobliga progreso eniros en niajn vicojn kaj ĝustatempe cedi — fariĝos unu el la plej bezonaj niaj principoj. D-ro Zamenhof mem estis homo liberema kaj li ĉiam sciis cedi al aliaj, kiam estis bezone. Li ne timis nomi siajn erarojn per ilia propra nomo. Kaj se li vidis, ke iu homo estas kapabla kaj inda ion fari — li superŝutis tiun homon per sia favoro. Esperanto ne ekzistus eĉ unu jaron, se Zamenhof ne scius cedi kaj elekti siajn helpantojn.

Cetere la moderna historio montras, ke eĉ multaj apartaj nacioj rekonstruas sin por la estonto laŭ la principo: „al la junaj, fortaj kaj kapablaj la unuan lokon".

Ankaŭ la juna generacio de la veraj esperantujanoj ne estu tro molkarna, malgraŭ siaj aliaj kapabloj, kaj kun rajto okupu sian lokon. Sen arogo, sed kun firma aserto, sen atakoj, sed kavalirece, prenu tiu ĉi generacio de plenfortuloj la gvidilojn en siajn manojn.

Al la malnovaj pioniroj oni pagu per gloro kaj honoro, sed la gvidadon kaj influon konservu nur tiuj el ili, kiuj sciis resti junaj kaj nuntempaj en siaj lingva spirito kaj aspiroj.

Esperantujo estas fakto, estas konkretaĵo, estas internacia popolo. Ĝin povus detrui nek stultaj atakoj de dekstre, nek demagogiaj postuloj de maldekstre.

Ĝi vivas per Esperanto en la koroj de la multaj miloj, kiuj scias resti, malgraŭ sia modesteco, fidelaj kaj rezistaj. Sed ĝi dume restas, en sia senforma neorganiziteco, tiu fabela dormanta princino, kiun vekos nek postuloj, nek alvokoj, sed sole agoj kaj ekzemploj. Ĉiu, kiu agas kun noblaj aspiroj en la movado Esperanta, estas tiu fabela princo, kiu helpas veki la belan princinon.

Esperantujo, laŭ sia esenco, estas la plej vasta kaj la plej libera ŝtato de la mondo. Hodiaŭ ĝi estas nur en la revoj, en embrio, sed iam ĝi fariĝos tiu reala ujo, en kiun kolektiĝos la popoloj, jam ne plu dividitaj. Valoras do esti esperantisto kaj Esperantujo. Valoras do ankaŭ pagi la solan imposton de tiu lando — la fundan posedon de Esperanto kaj de ĝia modela stilo.

N. Hohlov.

---

## Januaro.

(El „Ama Kalendaro" de „Wachauer Vagantenbrevier" de V. O. Ludwig. Reinhold-Verlag.)

Se lane vestas sin amor',
Restadu laŭ plej bona mor'
En ej' intime varma
La milda lamp' ĝojigas nin
Kaj glaso de orbrila vin'
En man' de knabin' ĉarma.




**Kotizo** ĝis 31. I. Liroj 70.—, poste pli.
**Anoncis** sin jam pli ol 120 personoj.
**Fervojrabato** en Aŭstrio por ĉiu kongresano, ĉu el Aŭstrio, ĉu el eksterlando, 25% por tien- kaj revojaĝo, montrante la kongreskarton de la 27. Univ. Kongreso de E.

---

## Lumbildparolado

pri la 27. Universala Kongreso 1935 en Roma kun 150 bildoj okazos en la nova hejmo de **Esperanto-klubo**, restoracio **Tischler, I. Schauflerg. 6**, **vendrede, la 11. de januaro**, precize je la **20 h**.

Senpaga eniro. Gastoj bonvenaj!

---

## Radioparoladoj.

9. I. **Maria Letfuhs** „Karnavalo 1935 en Wien",

16. I. **Reg. kons. Steiner** „Klagenfurt, Antaŭkongresurbo 1935",

23. I. **Kalk. kons. Frey** „Karnavalaj kutimoj en Wien",

30. I. **Anton Denks** „Innsbruck, dua Antaŭkongresurbo 1935".

---

## De aŭstriaj verkistoj.

**Kun granda** kontentiĝo ni hodiaŭ p[…] **informi vin, ke aro da** famaj poetoj kaj […] **istoj aŭstriaj,** *disponigis al ni* […] **verkoj por publikigo** en Esperanto. […] **numero du el ili** parolos al vi.

**Ni nur citu:** Erich Dolezal, Rudolf […] **Rudolf List, V. O.** Ludwig, Herbert P[…] **Friedrich Schreyvogel,** Heinrich […] **Waldek, Franz Zehden.** Aliaj sekvos.

## Surdomaj versaĵoj el Wach[…]

(El „Wachauer Vagantenbrevier" de […] Ludwig; Reinhold eldonejo-Wien)

**D-ro fil. Vincenz** Oskar Ludwig, profeso[…] **noniko kaj urbparoĥestro** en Korneuburg, na[…] **Hillersdorf, Silesio** aŭstria, la 18. VII. 1875. Se[…] **verkisto kaj poeto,** arthistoriisto kaj pentristo[…] **vivo de la aŭstria homo.** Kelkaj el liaj versaĵ[…] **jaĝbildoj el la oriento",** „Malnov-Viena Bieder[…] **muziko", „Legendo de** milda markgrafo Leo[…] **„Wachaŭ-aj ludoj",** Wachaŭ-a migrulbrevier[…] **inter multaj aliaj** la jus elveninta „En la […] **Sankta Petro".**

Ne ploru vespere pro pasema la[…]
Denove donacos al vi ĝin la ma[…]

---

Se brulpereis via nest',
Ne taŭgas ĝoj' post tia pest',
Sed sen la bril' de amfavor',
Ĝoj' de l' riĉul' eĉ fuĝas for.

---

Diraĵ' sen fin'
Ne trompu vin!
La poma ŝelo brilas rozkolore
Interne mordas vermo-malicul'.
Vespera ruĝ' promesis belan tag[…]
Matene falis neĝo dum nebul'.

---

L'aferoj sekvas sin laŭ la sorto
Pro via pen' ne haltos eĉ morto[…]
Atendu ĉion
Konfidu Dion!

---

### Pasio.

Lumbril', venteg' estingas ĝin[…]
Mortis espero, jen la fin'.
Fajrer' nutrita kun pasi'
Jen flam', eĉ domon bruligas[…]

Trad. d-ro Biehler-G[…]

---

## Por viaj kursoj

uzu la noveldonitan lernlibron ([…] kaŭ por sininstruado) „Freude d[…] Esperanto", mendebla ĉe la a[…] prez. Steiner, Wien I. Neue B[…] Prezo kun afranko S 2.25, por ins[…] istoj rabato.

---

## William Lassell disbatis sian teleskopon.

De Erich Dolezal.

Nask. 22. nov. 1902 en Villach, studis en Wien en la Teknika Altlernejo, sed post 10 duonjaroj sin dediĉis al la verkista kariero. Nuntempe oficisto de Radio-Wien. Lia utopia romano „Voko de la steloj", estis transverkita kaj ludata kiel Radio-teatraĵo. Krome li verkis aron da utopiaj kaj popular-astronomiaj noveloj. Verkas nun ampleksan romanon.

Kiam mi veturis de Dover al London kaj miaj pensoj okupiĝis pri la astronomia kon[…]o, kiu okazos en Greenwich, mi ne su[…]s, kiun turnon ĉi tiu scienca vojaĝo [… …]s. Mi estis decidinta, viziti ĉi **tiun kon[…]on** kvazaŭ kiel ĝuemulo, **nek por fari** [… …]ican referaton, nek por **reprezenti ob[…]atorion**, sed tutsole por **aŭskulti la ege** interesajn paroladojn de la astronomiaj scienculoj el tutmondo. Speciale scivola mi estis pri la informoj de Jeans kaj Eddington, la plej famaj reprezentantoj de la moderna stelarastronomio kaj astrofiziko, kiuj komprenas sian sciencon ne kiel sekan profesorajon, sed kiel filozofion de la pliarĝigita vivo kaj kies paroladoj estas ĉiam spiciaj de afabla humoro. Krome mi havis la intencon, viziti la faman advokaton Sir Herbert Lassell, al kiu mi estis rekomendita de amiko. Sir Herbert Lassell estis astronoma diletanto kiel sia fama praonklo William Lassell kaj posedis bone instalitan observatorion en la ĝardeno de sia vilao en la proksimeco de Greenwich, la astronomia centro de la surtera koordinatsistemo.

Dum la trajno veturis tra la por niaj okuloj monotona pejzaĝo angla, miaj pensoj okupiĝis pri la karakteriza personeco de William Lassell, kun kies postnevo ko[…] mi jam estis tre interesita. Sir William [Las]sell estis je la mezo de la pasinta jarc[ento] unu el la plej famaj astronomoj. Ank[…] tiam havis la famon posedi la plej gra[ndajn] spegulteleskopojn. William Herschel est[is …] gore trarigardinta la ĉielon per siaj gr[andaj] spegulteleskopoj kaj trovinta la plan[edon] Urano. Lia filo Sir John Herschel est[…] inda posteulo; Lord Rosse estis insta[linta] en Parsonstown monstron de spegul[tele]skopo kun speguldiametro da 1·80 m, kiu li solvis la misterajn nebulajojn [… …] en steloj, kaj William Lassell ankaŭ [… …] konstruinta spegulteleskopoja, kiuj enpe[netris] profunde en la sekretojn de la univers[o …] teleskopoj de Lassell distingiĝis per bo[na] optiko. Per sia 61-centimetra telesko[po li] trovis du lunojn de la sunmalproksim[a pla]nedo Urano, faro, kiu ankoraŭ nun[…]

**...tria poŝto kaj Esperanto.**

...ĝojo ni povas konstati, ke laŭ la lasta numero publikigita al... de ĝeneraldirekcio de poŝto en ... jam ekfunkcias po unu E-kurso ...az. Linz kaj Wien.

...ĝojas kaj esperas, ke la Aŭstria ... kiel aliaj institucioj en Aŭstrio ... kunmarŝos unuavice, kiam ...rnas E-on kaj per ĝi progres... en la plifaciligo de la interna... ...latoj.

## Informetoj

...ika vortaro esperantista por la po... D-ro Locard, direktoro de la polic... laborejo, mondkonata scienculo, ... la proponon helpi al la redakto de ...aro franc- kaj E-lingve, kiu povos ...ervi kiel modelo por la traduko en ...lingvojn. La E-parton aranĝos s-ro ...wartz, sekr. de Int. Polica Ligo en ...burg, Mainau, 10 Rue Engelhardt.

...oslavenska Poŝta, Telegraf i Tele... ...oficia'a organo de la asocio de PTT- ...oj de Regno Jugoslavio, enkondukis ...rikon kun la celo, informadi la ali... ...gekolegojn pri la propra organizo.

...ista Ligo Esperantista deziras pro... ...jene: Oni sendu al la sekr. Holger ... Villa Skogbacka, Kvicksund, Sved... ...propagandilojn por Esperanto en la ... de diversaj landoj. Delegitoj de la ...itos en la diversaj havenoj la divers... ...ŝipojn kaj disdonos la propagand... ...la koncerna lingvo. Do alsendu ...andilojn!

...acia Foiro en Lyon, 7.—17. marto ...ssendas belajn grandajn afiŝojn kaj ...peron kun Esperanto, tiel invitante ...o.

...oj en Hungarujo favoras E-on. In... ...insignoj, indikantaj la lingvon, kiun ... scipovas, estas ankaŭ „Esperanton ...". La aŭstriaj skoltoj klopodu, ke ...iaj skoltorganizoj enkonduku Esper... ...en kursoj kaj kreu similan ŝildeton.

...a Kongreso de SAT okazos en Paris ... de aŭgusto 1935.

...len-kalendaro aranĝis literaturan ...son pri la temo „Maria" en unu de ...j lingvoj: Latina, greka, franca, angla, ...ispana kaj Esperanto. Premioj entute ...aj valoraj libroj. Informoj ĉe P. Franz ... S. J., Wien IX. Canisiusgasse 16.

Novaj gazetoj:

...anto", nova monata gazeto 8-paĝa ... jus. Red. H. Niŝikaŭa, 2 Kudan 3- ... Kojimaĉi-ku, Tokio.

...EK", Proleta Esperanto-Korespond- ...Bulteno de la Nederlanda PEK-Centro, ...rdam, Spaarndammerplantsoen, 8paĝa.

**Avantaĝoj por niaj abonantoj.**

La abonantoj de AE por 1935/36 havos jenajn profitojn:

1. ili ricevas gazeton pli ampleksan, sed ne pli multekostan;
2. ili havos kroman rabaton en la kotizo de la 28. Univ. Kongreso de Esp. en Wien 1936! (La anoj de AEA ricevos rabaton, sed kroman la abonantoj de AE!);
3. ili povas senpage partopreni en la de AE novenstalita „Interŝanĝrondo de poŝtmark-kolektantoj";
4. ili havas la eblecon ricevi el tutmondo interŝanĝe ilustritajn poŝtkartojn pere de AE;
5. ili havas la eblecon korespondi kun la tuta mondo pere de AE.

Krome ili helpos al la aŭstria E-movado. kiu nepre nun despli bezonas sian „oficialan organon", ĉar la preparoj por nia 28. jam komenciĝis.

**Al kiu ĉi tiu numero estas sendata:**

1. al niaj ĝisnunaj fidelaj amikoj. Kiu ne malmendis ĝis fino 1934, daŭrigis sian abonon (vidu la noton sur la titolpaĝo),
2. al la malmendintoj de la gazeto. Ili tralegu la novan numeron kaj reabonu ĝin, sendante per la aldonita enpagilo la jarabonon Ŝ 4.60 aŭ la unuan parton Ŝ 2.35 (2 pagoj) aŭ Ŝ 1.20 (4 pg.). Senlaboruloj Ŝ 4.- (po 1.05 kvaronjare).
3. al iamaj abonantoj kaj novaj adresoj. Ili afable same agu kiel sub n-ro 2. Se la gazeto ne plaĉas al n-roj 2 kaj 3, bonvolu ĝin resendi, por ke ni povu forstreki la nomojn el nia adresaro! Ni atentigas, ke ni bedaŭre ne povos sendi la n-ron 2 al ankoraŭ ne pagintoj! Sed ni esperas, ke nur malmultaj ne sentos en si la deziron, kunhelpi en nia movado! La red. de AE.

**Nia bela Aŭstrio.**



Karintio: Heiligenblut

Per poŝtaŭtobuso de Lienz aŭ Dölsach trans Iselberg (de tie raviga Dolomitpanoramo) oni atingas Heiligenblut kaj poste en multnombraj serpentinoj kun belega returnvido al Möll-valo oni venas al Glocknerdomo (2138 m) je la malsupro de Pasterze, unu el la plej vastaj glaciaroj en la mondo. Heiligenblut kaj Glockner-domo estas la elirpunktoj por la supreniro al Grossglockner (3798 m). Kiu ne konas la nomon de la „reĝo de la Orient-Alpoj" kaj de la ĉe ties malsupro situita pitoreska altalpovilaĝo (1301 m) kun ĝia gracia gotikstila preĝejeto kaj la gracila pintoturo?

Neniu preterlasu ĝui la gigantan belecon de tiu ĉi altmontaro kun ties glaciaro kaj la severan ĉarmon de la trankvila alpvilaĝo (kiu ricevis sian nomon de boteleto „heiligen Blutes" [sankta sango], kiun laŭ la legendo Sankta Briccius estas alportinta el Konstaninopel kaj kiu estas konservata en kesteto de la ĉefaltaro en la preĝejo). Nun vi jam povas veturi per aŭto sur belega strato ĝis Fuschertörl (2700 m).

De Heiligenblut oni povas entrepreni ĝuplenajn altmontar-ekskursojn. Bonegaj ekzerclokoj por skikurantoj estas proksime de la vilaĝo. Sur nova Glocknerstrato plej bona okazo por la rodlosporto. La klimato estas tre agrabla, sennebula kun multa suno. Ĉiam skikursoj.

...esti admirata, ĉar ĉi tiuj du lunoj ...mas mem por modernaj aparatoj al ...j malfacile atingeblaj ĉielobjektoj. Li ...ekvis per ĉi tiu trovo la ĉefmajstron ... Herschel, kiu estis trovinta Uranon kaj la du unuajn lunojn de ĉi tiu pla...n. La sekretoj de la malproksima ĉiela ...tiris Lassell tute en sian sorĉon. Li ...is ankoraŭ pli potencan ĉieltubon, ... cm diametro, sed kiun li ne starigis ...ujo. La angla ĉielo prezentis al li ... multe klarajn kaj travideblajn nokt... li transloĝiĝis kun sia fenomena ...ento al la insulo Malta, kies suda ...promesis riĉan ekspluaton je trovoj. ...ne senvualiĝis al la okuloj de l' astro... tuta vico da problemoj. Lassell trovis ...ajojn kaj stelnebulojn en granda nom... kaj vidis objektojn, kiujn nenia homa ... estis vidinta antaŭ li. La potenca spegulteleskopo, en kies okullenson la observanto enrigardis de el turo, kiu staris sur turnebla ringego, kiu ree povis esti turnata sur rulblokoj ĉirkaŭ la tubon, penetris profunde en la senfinaĵon de la mondo.

Tiel ĉio estus irinta la kutiman destinitan vojon de entuziasma stelamiko. Sed poste venis la mistera fino, kiu restis ĝis nun nekomprenebla. Lassell devis sin adiaŭi de la ĉielo kaj tero. Kiam li sentis, ke liaj tagoj estas nombritaj, li iunokte ankoraŭfoje provis ĵeti lastan rigardon al la lumantaj ĉielmirakloj. Difuzitaj nebulajoj brila diamantopolvo de la stelnebuloj, la sennombra stelaro sur „lakta vojo" kaj kolorsaturitaj duoblaj steloj ankoraŭfoje preterpasis lian okulon. La tubo turniĝis ĉirkaŭ sia hor-akso, la observ platformo de la turo moviĝis supren, la turo migradis en la rondo. Estis mirinda nokto de l' adiaŭo, sed ne de surteraj sed de surĉielaj trezorajoj. Poste Lassell malsupreniris la observturon, aliris malrapide, hezitante sian amatan instrumenton, lasis ripozi siajn okulojn longtempe sur ĉiu detalaĵo kaj poste — poste — neniu povis ĝin kompreni — li malkovris la grandan, blankan, parabolan metalspegulon kaj dispecigis ĝin pere de martelo. Kelkajn tagojn post kiam la granda ĉielokulo estis blindiĝinta, fermiĝis ankaŭ por ĉiam la okuloj de tiu homo, kiu ĝin estis konstruinta por si.

William Lassell estis kunpreninta sian mirakloinstrumenton. Neniu povis esplori la kialon de lia faro. La opinio, ke estus estinta „Spleen" de stranga anglo, kiu volis lasi al neniu tion vidi, kion liaj okuloj estis vidintaj — servu kiel tro agrabla klarigo. Ne, mi tion ne konsentas. Mi havas alian opinion: astronomo de tia graveco staras super surtera vanteco, do devas esti kaŝita

## El la mezepoka „Physiologus".

Tradukita de d-ro W. Biehler, Graz.

### Pri la hieno.

Besto, nomata hieno, estas jen ina, jen virseksa kaj pro tio malpurega; samspecaj estis, kiuj unue adoris Kriston kaj poste komencis idolatrion (Götzendienst). Tio ankaŭ signifas jenajn homojn, kiuj estas nek nekredantoj nek ortodoksaj. Pri ili diris Salomono: „Kiuj estas ŝanĝeliĝemaj en siaj koroj, ankaŭ estas ŝanĝeliĝemaj en siaj verkoj".

### Pri la sirenoj kaj la azenkentaŭroj.

En la maro vivas strangaj estajoj, nomataj sirenoj kaj azenkentaŭroj. Sirenoj estas mar-estajoj, homsimilaj ĝis la umbiliko, de tie birdecaj kaj ili scias belege kanti. Vidante viron ŝipveturantan, ili belege kantas, ĝis la homoj pro la rava kanto tiom beatiĝas, ke ili ekdormas. Rimarkante tion la marvirino alveturas kaj disrompas la ŝipon. Per tio ŝi signifas la Malamikon, kiu instigas la homan senton al teraj voluptoj. La azenkentaŭro, duone viro, duone azeno, signifas la korŝanĝeliĝemulojn, kiuj konas la bildon de la justeco, tamen ne agante laŭ ĝi en siaj verkoj.

## Ĉio jam iam estis.

### La aŭtomobilo en antikva Roma.

La invento de memmovigantaj veturiloj, aŭtomobilo kaj lokomotivo, depost la pasinta jarcento fundamente ŝanĝis la vizaĝon de la mondo. Jam en la dua jarcento (jc.) post Kristo la romana imperiestro Commodus havis veturilon, kiu estis movigata per aparta strukturo de dentradoj. Fakte por la ekmovigo oni bezonis ankoraŭ muskolforton. Sed en Alexandria oni samtempe konstruis veturilon, kiu estis movigata per vaporo — do ĝuste funkcianta lokomotivo.

### Aviadiloj en la 13. jarcento.

La unuan projekton, konstrui aviadilon, faris jam antaŭ 7 jc. Bacon kaj la flugiloj de la aparato, konstruita de li, estis turnataj de la piloto mem pere de radaro. Iom pli poste Leonardo da Vinci okupiĝis pri simila konstruo. La unua aerveturilo certe ne estis tiu de Zeppelin kaj estis jam kelkajn jc. antaŭ la fama aerostato de Montgolfier. Ĝi estis konstruita de la jezuito Francesco de Lana kaj devus esti portata per kvar senaerigitaj kugloj el kupro. Sur la sama principo baziĝas la moderna aerŝipo, je kiu la kuprokugloj estas anstataŭitaj per kovrajoj el ŝtofo aŭ malpezmetalo kaj anstataŭ ilin senaerigi, oni ilin plenigas per gasoj, pli malpezaj ol la aero.

### Reloj en antikva Atheno.

La invento de la reloj, kiuj ebligas la glitadon de la rapidantaj veturiloj, kutime estas datita je 1793. Sed ekzistis lignaj reloj jam en antikva Atheno, kaj en la mezepoko ĝenerale oni konis la uzadon de reloj sur montstratoj. Eĉ relŝanĝiloj tiam jam ekzistis, kiuj devus malebligi kolizion de la malsupren glitantaj veturiloj.

La projekto pri rapidtrafiko ankaŭ devenas el antikvaj tempoj. La romanoj havis bonege organizitan poŝtsistemon. La poŝtkurieroj trarapidegis ĝis 200 kilometroj potage.

(Oesterr. Abendzeitung)

## Traduk-ekzerco.

Niaj abonantoj bonvolu sendi la tradukajojn al AE sub koverto kun la surskribo „Konkurso". La nomon ne skribu sur la manuskripton sed aparte sur papereton.

La juĝantaro (d-ro E. Pfeffer, reg. kons. F. Stengel kaj E. Werner) ricevos la tradukajojn sen la nomoj.

**Premioj:** 1. Fabeloceanoj de F. Szilágyi (134 pĝ.), 2. „Freude durch Esp." (Lernlibro), 3. Ogrizoviĉ „Aŭtuna vespero".

La nomoj de la gajnintoj estos publikigataj kune kun la plej bona tradukajo.

### Aus „Alles schon dagewesen".

### Blitzableiter in Aegypten.

Wir alle haben in der Schule gelernt, daß der Blitzableiter von Benjamin Franklin erfunden worden ist. Aber anderthalb Jahrtausende vor ihm, unter Ramses III., waren Blitzableiter in Aegypten im Gebrauche. Sie waren aus purem Golde angefertigt und dienten zugleich als Schmuck.

### Bakteriologen in Babylon.

Am ältesten sind die Entdeckungen auf dem Gebiete der Heilkunde, und manche Ideen der heutigen Medizin sind lange vor Hippokrates, dem großen Arzte des Altertums, bekannt gewesen. Die Entdeckung des Blutkreislaufes fällt nicht ins 17. Jahrhundert, sondern ist 2000 Jahre alt und geht auf den Leibarzt des Aegypterkönigs Selenkides I. zurück. Prothesen verwendete man schon zur Zeit der Punischen Kriege. Die alten Aegypter kannten bereits die Narkose, die erst im vergangenen Jahrhundert wieder entdeckt werden mußte. Römische und griechische Aerzte kannten die Funktion der Drüsen mit innerer Sekretion, und die Hormonlehre, die große Entdeckung der Medizin in den letzten zehn Jahren, war ihnen wohlbekannt und diente zur Herstellung von Liebestränken aller Art. Ihre Meisterschaft auf diesem Gebiete ist bis heute unerreicht.

Impfungen gab es in Indien und in China und man weiß allgemein, daß wir in der Kunst der Einbalsamierung gegenüber den alten Aegyptern elende Stümper sind. Sogar die Bakteriologie war im Altertume bekannt. Die Babylonier kannten die Uebertragung der Malaria durch Mücken. Die Griechen hielten sich Schlangen, um die Rattenplage zu bekämpfen, die sie richtig als Pestüberträger erkannten. Und in Aegypten galten die Ibisse als heilige Vögel, weil man wußte, daß sie die gefährlichen Tiere aus den Kanälen vernichteten.

Koran dankon pro la multaj gratuloj okaze de Novjaro. Samkore redonataj!



**Esperanto-Klub Wien.**

Zusammenkünfte und Uebungsabende jeden **Donnerstag ab 19 h 30 im Restaurant Tischler, I. Schauflerg. 6.**

---

alia motivo, sed mi tiun neniam esploros, ĉar Lassell eble ĝin deziris kaŝ-teni por ĉiam. Eble la homoj entute ne povus toleri ĝin.

*

Je stelklara vespero mi migris laŭlonge de nobla vilaostrato en Greenwich. Jam de malproksime mi vidis trans la arbojn de vasta ĝardeno ĉieleniĝi la silueton de kupolo. Super la kupolo briletis la ruĝeta stelo Antares en la figuro de Skorpio. Tiu devus esti la privatobservatorio de Sir Herbert Lassell. Mi ne trompiĝis, la nomtabuleto sur la ĝardenpordo pravis la ĝustecon de mia supozo.

Servisto malfermis, sed deklaris kun malakcepta mieno, la sinjoro estas parolebla sub neniaj cirkonstancoj. Ankaŭ mia rekomendkarto faris neniun impreson je li. Cetere mi vidis penetri lumbrilon el kelkaj fenestroj sub la kupolo, el teretaĝa ejo.

Subita deziro je aventuroj, kiu ŝajne estis vekita per la obskura, sekreta impreso de la astronom-vilao, igis maturiĝi en mi subitan decidon. Mi deturnis min de la malparolema servisto kaj ekiris laŭlonge la muron de la parko. Neniu homo ĝenis la trankvilon de la ekiĝinta nokto. Post kiam mi estis pasiginta tempospacon, mi svingis min per unu salto sur la ne tro altan muron kaj malsuprenstis en la internon de la ĝardeno. Neniu min estis vidinta. Ankaŭ interne regis ega soleco. Mi staris enmeze de fremdlanda arbetajo, kiu surprizatakis min per narkota odoro. Mi troviĝis en eksterordinara ekscitiĝo. Malrapide mi palp-iris tra la malhela ĝardeno, antaŭen inter arbetajoj kaj arboj poste laŭlonge la dommuron, ĝis kiam mi staris antaŭ la lumigitaj fenestroj. Mi riskis singardan rigardon enen. Do, tiu ĉi estis Sir Herbert Lassell. Certe ĉi tiu povis esti neniu alia. Mi nur vidis sidantan personon, la kapon apogatan sur ambaŭ manoj kiel en plej profunda malespero aŭ ekscitiĝo, la rigardon direktatan en la senfinan profundegaĵon de nevidebla mondo. Subite la persono ekfaltis; nun mi vidis, ke ĝi estis maldikega kaj granda, la energia kapo ĉirkaŭita de riĉega blanka hararo. Ĝi venis al la malfermita fenestro kaj ekvidis min, ĉar mi en la momento entute ne povis pensi pri tio, min kaŝi.

„Pardonon", mi balbutis, „mia nomo estas . . ." kaj mi prezentis min en ĉi tiu iomete stranga situacio. „Oh, mi petas, eniru do, vi estas rekomendita al mi de bona konato, mi jam atendas vian viziton." Li montris al mi la vojon al la enirpordo. Mirigite mi sekvis la neatenditan inviton.

Baldaŭ mi sidis en la laborĉambro kon-



## Kion Vi eble ankoraŭ ne scias:

Raportoj el la interes-kampoj: Natursciencoj, kulturhistorio kaj tekniko.

Redaktas: Franz Vasta

**La radio-send-kajuto** de l' aerŝipo „Grafo Zeppelin“ havas ago-radion de 2500 km, al kio konformas ter-surfaco de 20,000.000 km², do la 40-obla areo de Germanlando.

**La farita vojo de gramofona pinglo** ĉe ludo de mezgranda son-disko estas same longa kiel la duobla turalteco de Viena „Votivpreĝejo“ (99 m); ŝtupetaro, kiu transigas tiun ĉi altecon, havus mil ŝtupetojn.

**Ŝtrumpoj.** — La unuajn trikitajn ŝtrumpojn laŭdire posedis reĝo Henriko VIII. de Anglujo kaj lia filino Elizabeto. Ĝis tiam oni portis nur ŝtrumpojn, faritajn el tolo.

**La naztuko** originas verŝajne el Italujo, kie ĝi estis unuafoje uzata antaŭ proksimume 380 jaroj. La kutimo, parfumigi ĝin, estis komprenebla en Francujo.

**La kravato** dankas sian nomon al la kroatoj. Ĝia origino datas ĉirkaŭ je la jaro 1636. Tiam la kroataj soldatoj ĉirkaŭvolvis la kolon per rubando, kiun oni nomis „Hrvat“, kaj el tiu ĉi esprimo evoluiĝis la vorto kravato, pri kiu multaj opinias, ke ĝi estas franca vorto.

## Por la junularo

### Patrina amo de besto.

Ankaŭ la bestpatrino amas siajn idojn same kiel homa patrino. Foje mi iris sur limvojeto inter du kampoj kaj subite pepis antaŭ miaj piedoj multaj malgrandaj perdrikoj kaj kuris ĉiuflanken. Mi volis kapti unu. Sed en tiu ĉi momento flugetis la perdrikpatrino tute proksimen al miaj piedoj kaj pendigis lamentante sian dekstran flugilon kvazaŭ ĝi estus lama. Mi etendis la manon je ŝi. La besto saltetis mallerte lam-irante kaj plendkriante ĉiam iomete antaŭ miaj manoj, ke mi pensis je ĉiu paŝo: nun kaj nun mi povos kapti ŝin. Sed subite la „lama“ birdo tre lerte tute sana suprenflugis. Mi tre miris kaj turnis min por kapti unu el la idoj. Sed nur nun mi vidis, ke la birdo estis loginta min sufiĉe grandan pecon for de sia antaŭa kuŝejo kaj mi ne plu vidis la idetojn. Kaj la birdpatrino flugis sufiĉe alte reen. Nun mi rimarkis, ke ŝi nur estis trompinta min, por savi siajn idojn.

Tiun travivaĵon rakontas al ni Karl Sell, kiu bedaŭrinde forgesis skribi sian adreson. La letero venis, laŭ poŝta stampo el Wien III. Dankon!

Red.: Erika Linz, Wolfpassing

## Humoro.

„Kiam mi staras sur la kapo, la sango fluas al la kapo. Kial ĝi ne fluas al la piedoj, kiam mi staras sur la piedoj?“

„Ĉar viaj piedoj ne estas malplenaj.“

„Via hundo mordis mian bopatrinon.“

„Kaj ĉu vi venis por postuli kompenson?“

Tute ne; mi volis aĉeti ĝin.“

Edzo: „Kion vi farus, se mi mortus?“

Edzino: „Por kio vi havas preferon, esti cindrigota aŭ enterigota?“

Edzo (antaŭ kaĝo de simioj, ŝerce): „Parencoj viaj, ĉu ne?“

Edzino (dolĉe): „Jes, boparencoj“.

(The British Esp.)

### La toasto de la presistoj.

„Al la virinoj, la plej bonaj dissemistoj de novaĵoj, post la gazetoj!“

(Suda Kruco)

### Bela profesio.

„Kiun profesion havas tiu sinjoro?“

„Li estas inventisto.“

„Kion li inventas?“

„Mensogojn, por ne pagi siajn ŝuldojn.“

(La E-a Gazeto)

Sinjoro: „Kial vi ploregas, knabo?“

Knabo: „Tiu knabo jetis mian buterpanon en la akvon.“

S-ro: „Ĉu kun intenco?“

Knabo: „Ne, kun fromaĝo.“

(Flandra E-isto)

## Poŝtmark-kolektantoj

**Novaj poŝtmarkoj:**

**Norvegujo:** Holberg-jubileo: 10 öre verda, 15 griza, 20 ruĝa, 30 blua.

Ni aranĝis „Interŝanĝrondon“ inter la abonantoj de AE. Vi ricevos interŝanĝe poŝtmarkojn sen elspezi monon!

1. Partoprenanto en la „Interŝanĝrondo“ povas fariĝi nur „abonantoj“ de AE.

2. La membroj (m.) devas alsendi interŝanĝkajerojn po 160 poŝtmarkoj (pm.) kun aldono de numero kaj prezo de la unuopaj pm laŭ la lasta katalogo Michel. La kajeroj havu la valoron de minimume 20 Mk. laŭ katalogo.

3. La m. ricevos laŭ sia livero de kajeroj ĉiumonate almenaŭ unu rondsendaĵon. Kiu ensendos pli multe, ricevos pli multe.

4. La ricevitaj sendaĵoj devas esti sendotaj al la venonta m. post plej malfrue 5 tagoj. Sur la aldonita listo oni ĉiam enskribu la sumon de la elprenitaj pm.

5. Post rondirado la interŝanĝkajeroj estos finkalkulataj kaj resendataj al la liverintoj. Por la multaj elspezoj kaj la laboro estas dekalkulataj 15 % en pm. Ekz.: Se estos prenitaj pm. por 100 Mk., ni kreditos vin por 85 Mk. Tio estas via tuta elspezo sed nur en pm.

6. Ensendu kajeretojn, informu nin pri viaj deziroj (ĉu vi deziras pm. de Eŭropo, ĉiuj kontinentoj, nur ĝis 1900 ktp.) kaj sendu nur sendifektajn pm. Detaloj sekvos poste kun la unua sendaĵo. - Kompreneble oni nur povas elpreni pm ĝis ²/₃ de la valoro de la mem ensenditaj kajeroj.

**„Regno de pensoj“.** De ĉiuj dependa organo de bono kaj belo. Jen la titolo kaj subtitolo. 8-paĝa malgrandformata gazeto n-ro 1 enhavas eldirojn de famuloj tutmondaj. Anstataŭ la prezo estas indikata „Oni pagas per bonaj agoj“ kaj je la fino estas presita: Senpage aliĝu. — La pensoj estas la plej delikataj, la plej potencaj fortoj de la universo. Bela, vera kaj forta penso estas nepereema; ĝi transvivos ĉiujn monumentojn de niaj kulturoj kaj fin'fine venkos tutan materialismon surteran. Do, ekkaptu ĉiun belan, viglan kaj bonhavan ideon, kiu survoje antaŭ vi ekbrilos, kaj oferu ĝin sur niaj paĝoj al ĉiuj en vasta Esperantujo, kontraŭ reciproka servo de: Esperanto, Munkačevo (ČSR), Intern. ul. 42.

## Korespondado

Por la abonantoj de AE ni instalis jenan servon: Kiu deziras korespondi aŭ interŝanĝi ion kun la eksterlando, sendu al ni sian plenan adreson kaj

---

traŭe de la postnevo de la fama astronomo. „Vi ne miru“, li diris, „ke la servisto ne lasis vin eniri. Mi estis doninta al li la plej rigoran ordonon, lasi eniri neniujn vizitantojn, kiu ajn li estu, antaŭ ol mi estus fininta mian laboron. Antaŭ kelkaj minutoj mi finis ĝin kaj pro tio vi venis ĝuste je oportuna tempo. Vian vojon trans la ĝardenmuron mi volonte pardonas, ĉar mi konas vian entuziasmon por mia praonklo, al kiu vi ja dediĉis tre bonan biografian skizon. Kaj pro tio mi volas ankaŭ raporti al vi pri mia laboro — mi diru pri mia malkovro. ‚Jen rigardu‘ — kaj li montris al la amaso de flaviĝintaj paperaĵoj kun strangaj literoj, ne kompreneblaj skizoj kaj desegnaĵoj — ‚tion mi trovis! Tio estas notetoj de Sir William Lassell, kiujn mi trovis en la akso de lia granda spegulteleskopo, kiu kiel familia sanktaĵo estas konservata en la horloĝsalonego de ĉi tiu observatorio jam de jardekoj. La duoble kegloforma, kava akso estas la sola, kiu el la granda spegulteleskopo retrovis la vojon el Malta al Anglujo. Tiu ĉi hazarda malkovro, kiam mi esploris la akson per Röntgen-radioj je ĝia homogeneco, ankaŭ alportis lumon en la sekreton de la spegul-dispeciĝo. Mi nur volas diri al vi, ke la dokumento estis verkita en sekreta skribaĵo, kiu faris eksterordinarajn postulojn al la saĝaco. Mi deĉifris ĝin post plurmonata cerbumado. Hodiaŭ la dokumento estas fintransskribita en niajn lingvon kaj skribon. Mi volas aldoni neniujn vortojn, legu mem kaj provu ekkoni la gravecon.“

Sir Herbert Lassell donis al mi kelkajn foliojn en sia tipa angla skribo kaj instigis min legi. Li mem apogiĝis en aposeĝon kaj kovris la okulojn per la mano kvazaŭ li povus per tio direkti la internan rigardon al mia animo kaj mia spirito.

Mi reproduktas la kopion laŭvorte:

Malta, la 13. de decembro 18.., 4. h matene.

Post kiam mi jam estis eltrovinta du novajn satelitojn de Urano per mia dupieda teleskopo, mi decidis transloĝiĝi kun mia kvarpieda nova teleskopo al Malta, por fari novajn esplorojn. En la hodiaŭa klara vintronokto mi vidis tra mia tubo aĵojn, kiujn neniu homo pensus eblaj. Mi ne sciigos ĉi tiun malkovron al la homaro, mi nur ĝin deponas en ĉi tiu sekreta dokumento, kiu donos al pli postaj generacioj la klarigon pri ŝajne neperceptebla decido, kiun mi faris en tiu ĉi nokto de la malkovro: Dispeciĝi la instrumenton, kiu ebligis al miaj okuloj la rigardon al mondo de superteraj aperaĵoj.

(Fino sekvos.)

